# Hispana Esperanto GAZETO

1a jaro OCTOBRO 1931 N-ro 7

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# PRI LA ESPERANTO-MOVADO

La ĵus okazinta Universala Kongreso de Esperanto, ĉeestite de 700 gesamideanoj el sufiĉe multenombra naciaro, vidigis jam tute klara tion, kion mi ekvidis je la Kongreso en Vieno, kie, oni povas diri, ekfunkciis la, laŭ mia opinio, tute ne akceptinda Kontrakto de Helsinki: la lasta plensukcesa, rimarkindega de ĉiaj vidpunktoj, Universala Kongreso de Esperanto, estis la Kongreso de Praga. En ĉi Kongreso, impresite de la granda sukceso, okaze de mia salutanta parolado, kiel reprezentanto de la Hispana Registaro kaj de nia tiama tutlanda organizaĵo «Zamenhofa Federacio», tutlanda ĉar al ĝi apartenis la hispanaj esperantistoj el ĉiuj regionoj, tial ke mi ĝin fondis, kiam je 1916 ŝajnis mortinta la esperantismon, kaj mi havis la bonŝancon arigi la disigitajn entuziasmemulojn kaj ligi ilin per la gazeto «Hispana Esperantisto», ankaŭ de mi fondita, meritinte pro ĉio ĉi la gratulojn, kiel mi dokumente povas konstati, el la tiamaj plej gravaj pioniroj de la tutmonda movado, kvankam male el pseŭdaj pioniroj enlandaj; impresite de la Zamenhofa Sento de la Praga Kongreso, mi tute zamenhofe, homarane, esprimis mian klaran opinion por aliformigi nian Universalan Esperanton Asocion laŭ *tutmonda esperanta respubliko*, kaj tiamaniere klare, precize, mi esprimis la aferon, ke la tuta ĉeestantaro akceptis kore, sincere, mian paroladon per unuanima grandega ovacio, kaj S-ro Privat diris al mi: «Kiel vi kuraĝas paroli tiamaniere?» S-ro Privat ne rememoris, ke mi, kun S-ro Ferdinando Redondo kaj la presisto S-ro Emilio González Linera, estis fondintaj la gazeton «Homaro» (kiun mortigis la milito), kaj la Majstro, la senmorta kreinto de Esperanto, decidis, ke «Homaro» aperigu lian Deklaracion Politikan kaj Religian; S-ro Privat forgesis, ke ni, la tri subtenantoj de «Homaro», helpis la Majstron por eldoni 5000 specimenojn el la verketo «Deklaracio pri Homaranismo», kaj el niaj malriĉaj poŝoj eĉ eldoni aliajn 3000, tial mi, kiel fidela, entuziasma, disĉiplo de la Majstro, alparolis al Pragaj gekongresanoj por starigi la «Rondan Familion». De tiam, konstante, same ĉe la enlanda movado, kiel ĉe la internacia, mi agadis gvidate de esperantismo eĉ atakante *fetiĉojn* aŭ *memaltigantojn*, kiel oni povas konstati per miaj verkitaj artikoloj, per miaj paroloj, per mia partopreno pri la afero speciale dum la lasta Kongreso de Antverpeno, kaj per leteroj ĉu al U. E. A., ĉu al I. C. K.: al la unua, proponante la starigon de speciala membreco per pago de 2'50 pesetoj jare, ricevante nur la karneton kun rajto profiti servojn de U. E. A. per pago de servokuponoj; sed U. E. A. volis kalkuli de la unua momento kelkajn centojn da tiaj membroj. Mi konstatas, ke U. E. A. ankaŭ ne konsentis la starigon de la tutlanda hispana

teritorio spite de la peto de la plimulto el la Delegitoj hispanaj, kaj nur dum la lasta Kongreso en Antverpeno S-ro Jakobs, la Direktoro, parolis al mi jam favore al nia teritorio; sed dum ĉi Kongreso reale vidiĝis la malkonsento kontraŭ U. E. A., kaj mi jam konsideris neutila eĉ neebla la starigon de la plano elmontrita de mi en Praga sur la bazo de U. E. A. Tamen, dum ĉi Kongreso mi kunlaboradis por la starigo de potenca tutmonda organizajo neŭtrala entenanta la plimulton el la esperantistoj kun kelkaj fremdaj pioniroj de Esperanto, eĉ mi kunlaboris dum la returnenvoĝajo al Parizo, kaj, reveninte al Hispanujo, mi min turnis al S-ro Robert Kreuz por ke sur bazo de I. C. K. fondiĝu la tutmonda organizo per aliĝo al ĝi pagante *unu svisan frankon* por ĉiuj landoj kun rajto ricevi karneton, kaj proponante ke I. C. K. interkonsentu kun la eldonisto de BES-Adresaro por enlistigi en ĉi Adresaron laŭ landoj la membrojn de la nova organizaĵo, kaj tiel havigi al ni proksimuman ĉiujaran statistikon. Malfeliĉe S-ro Kreuz havis S-ro Jakobs: por akcepti la planon li postulis 500 membrojn de la komenco.

De kiam mi min turnis al S-ro Kreuz ĝis nun forflugis iuj jaroj, okaziĝis iuj Kongresoj; la malkontento pri nia organizaĵo nuna ju pli la tempo pasis, des pli evidentiĝis, ĉar vidiĝas krizo, kaj la krizo klare elmontriĝis dum la ĵus okazinta Kongreso en Krakovo. Ĉu okazas, ke Esperanto ne progresas? Tute ne; Esperanto iom post iom invadas ĉiajn praktikajn kampojn de l' vivo spite de la malfavoregaj cirkonstancoj de la nunaj tempoj en la tuta mondo; la esperantistoj, kaŭze de la aktualaj vivocirkunstancoj perdas solidarecon en la neŭtrala espmovado kaj de ĉi tiu sin apartigas ĉu pro neeblo pagi tiom la kotizoj, ĉu pro partia fanatikeco, ĉu pro malbona konscio al problemo solvota de Esperanto per komplementigo de la neŭtrala kaj neneŭtralaj movadoj, t. e., per granda amaso de neŭtraluloj, kiuj samtempe disiĝas laŭ tute diversaj organizaĵoj politikaj religiaj, k. t. p., malbona konscio devenanta de la konduto de la Direktoroj de la neŭtrala movado kaj de la forgeso de la spirito kreinta la lingvon, ĉar se «en la mondon venis nova sento», se «tra la mondo iras forta voko», por renversi «la obstinajn barojn» haj starigi «grandan rondon familian», respektante nin reciproke pro apartaj diferencoj, ni ariĝu laŭ tutmonda amazo por plej bona rezulto al ĉiuj, kaj ni reorganizu nin por prezenti potencan solan fronton esperantan al la mondo, sen abdiko pri apartaj neneŭtralaj organizaĵoj, kiuj eĉ plifortiĝos per la *sola fronto neŭtrala*.

La *sola fronto* nepre devas esti *neŭtrala*, ĉar Esperanto devas aperi antaŭ la okuloj de la Registaroj (kiaj ajn estu ĉi tiuj) fremda je ĉia ideo politika, socia kaj religia, por interesi ilin kaj trafi de ili enkondukon en la instruplanoj de la unugradaj lernejoj, per kio eĉ la

neneŭtraluloj gajnos. Tiel evidenta estas tio ĉi, ke, dum la Kongreso de Danzig, soveta samideano reprezentanta rusan esperantismon kvankam ne oficiale deklaris, ke kvankam soveta Registaro konsciis Esperanton utila, necesa nepre por la interrilatoj homaj, ĝi, la Soveta Registaro, ne oficialigis la instruadon de Esperanto en la sovetaj lernejoj por eviti danĝeron al la lingvo, ĉar ĉiuj Registaroj konscios tuj Esperanton *lingvo* de bolŝevikoj.

Pri la situacio de la Esperanto-movado sur la paĝoj 3ª kaj 4ª de la n-ro 34 (634) de «Heroldo de Esperanto» diras ĝia ĉefredaktoro, S-ro Teo Jung, raportante pri la ĵus okazinta Kongreso en Krakovo:

«Manon sur koron: en nia movado refoje ne ĉio estas en ordo! Eĉ ne sciante detalojn, oni facile sentas tion.

La monatojn antaŭ la Krakova Kongreso distingiĝis per sufoka atmosfero en la Esperanta ĉielo, kaj ankoraŭ dum la Kongreso minacis forta fulmotondro. Efektive, en Krakovo eksplodis kelkaj fulmotondretoj, kaj ili iomete purigis la sufokan atmosferon. La Kongreso disiris ŝajne en plena harmonio kaj en plej bela konkordo. Tamen ni ne endormigu nin per luloj de iluzio. Nia Esperanta ŝipeto troviĝis en granda danĝero. Minacis ondoj kaj rifoj. Provizore la danĝero ŝajnas forigita, sed en iu ajn momento ĝi povos reestiĝi, se ni ne klare ekkonos ĝiajn simptomojn kaj klopodos, por ĉiam forigi ĝin per *saĝa komuna interkonsento*.

La Krakova Kongreso finiĝis per ĝenerala gratulado kaj komplimentado kaj per la deziresprimo, ke la naciaj societoj kaj U. E. A. harmonie kunlaboru, kaj ke ĉiu kongresano post sia hejmenveno insistu pri tiu kunlaboro. Tiujn vortojn parolis la prezidanto de K. R. S-ro Frans Schoofs, kaj aliaj substrekis ilin. Sed ankaŭ oni aŭdis la vortojn de Felikso Zamenhof ke, anstataŭ unu kaoso, oni ne faru du kaosojn. Ĉu do ekzistas kaoso?

En la komenco de mia raporto mi parolis pri iu krizo en Esperantujo. Ĉu krizo ĉu kaoso-ambaŭ esprimoj celas la samon.

Eu kiu do konsistas tiu «krizo» aŭ tiu «kaoso»?

Nu, ĝi konsistas en tio, ke en la Esperanto-movado (eĉ en la nura neŭtrala) ĉiu kvazaŭ tiras je sia propra ŝnurego—kaj ĉiu en alia direkto. Pro tio nia movadño estas disorganizita, la esperantistoj—simpluloj plendas pri troaj postuloj, precipe je la financa flanko, multe da mono estas elspezata vane, senrezulte, kaj ni ne progresas nek povas progresi tiom, kiom ni povus, se en nia domo ĉio estus en plej bela ordo.

Do, la temo estas denove pri la jam pramalnova *organiza demando* —demando kiu jam ofte estis atakita sed neniam ĝis nun solvita. Antaŭ kelkaj jaroj ŝajnis, ke tiu ĉi demando evoluos en la direkto al *unuecigo*. Sed nesufiĉe klaraj planoj unuflanke, nepra fiksiĝo je jam atingita

pozicio aliaflanke (pozicio atingita per kontrakto ne tre juste konsiderinta ĉiujn faktorojn de la movado), troa ambicio sur tria flanko, eĉ ĉe nove aperintaj faktoroj, meto de la parto super la tuton de la movado, konsiderado de la persono pli ol de la afero - - ĉi ĉio kaŭzis, anstataŭ unuecigo, eĉ plian disigon de nia movado. Sed tiuj, kiuj jam atingis pozicion ne tute meritltan, pripensu ke je iu ajn momento povos aperi jam ekzistanta aŭ nova faktoro postulanta egalan pozicion kaj egalajn rajtojn. La Esperanto-movado havas ne nur du kolonojn (kiel ni aŭdis dum la Krakova kongreso) sed multajn, kies ĉefa kaj centra tamen estas—kaj ankoraŭ restos por longa tempo—la naciaj propagandaj societoj, ĉar ili kreas la esperantistojn, per kiuj profitas la ceteraj organizoj, gazetoj k. t. p. La troambiciuloj pripensu ke ofte, kiam la aplaŭdo estas plej forta, la publika opinio jam estas deturniĝonta, ke ĉio, kio en la komenco eĉ kreis sensacion, poste des pli rapide fariĝas ĉiutagaĵo, aŭ estas eĉ tute forgesata. Kiu metas la parton super la tuton, tiu povos sukcesi dum iu tempo; sed pli malpli frue la fluo de l' tuto forlavos lin. Personoj povas ludi gravan rolon, sed la afero devas stari super la persono; kiu kontraŭbatalas iun aferon, iun organizon pro la personoj, kiuj ĝin kreis aŭ gvidas, tiu ne estas vera taŭgulo, eĉ se tiuj personoj-kreintoj aŭ gvidantoj posedas kvalitojn ne ĉiel aprobindajn.

Ni devas gvidigi kaj decidigi nin ĉie kaj ĉiam per la *sana homa menso*. Tion multaj ne povas, aŭ ne volas, ankaŭ en la Esperanto-movado.

Mi povus pli detaligi kaj pli klarigi miajn vortojn; sed mi pensas, ke tiuj, por kiuj ili estas unuavice destinitaj, komprenos ilin sen komentario. Ili estu *amika averto*, funde pripensi la tutan situacion kaj agi komforme. Ni (redakcio de «Heroldo») ne deziras ataki iun ajn, aŭ batali kun iu ajn; sed amikan averton ni opinias nia sankta devo, dum ni celas la *bonon* de nia *movado*, kaj nome la bonon de la *tuta* movado.»

Mi subskribas la tutan kopiitan artikolon de S-ro Teo Jung, kaj atentigas la membrojn de H. E. A. kaj eĉ al ceteraj hispanaj samideanoj ke ĝi tute same koncernas la tutmondan movadon kiel la enlandan, kaj ĉar ni devas nepre plibonigi, plifirmigi nian nacian asocion, ni ĉiuj celu laŭ dirite. Bonvolu atenteme legadi ĉiom antaŭan por plej bona konscio kaj decido.

JULIO MANGADA ROSENORN

# LITERATURO

## EL LA HISPANA ĈEFVERKO D. QUIJOTE DE LA MANCHA

## ĈAPITRO XLV

### KIEL LA GRANDA SANCHO PANZA EKREGIS SIAN INSULON.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Tiumomente eniris en la Juĝejo du maljunaj viroj: unu el ili manportis oksikokan stangon kvazaŭ apogbastono, kaj la senbastonulo diris:

—Sinjoro, al tiu ĉi bona viro mi pruntedonis antaŭ kelkaj tagoj dek orajn ŝildojn (1) el oro por al li fari plezuron kaj bonagon, kondiĉe ke li al mi ilin redonus kiam mi tion postulos. Pasis multe da tagoj sen ke mi petis, por al li ne kaŭzi pli grandan bezonon, redoninte ol li havis kiam mi ilin pruntedonis al li; sed, ĉar mi pensis ke li senzorgas pri la pago, mi ilin postulis unufoje kaj multefoje; sed ja li ne ilin redonas al mi, eĉ li al mi neas pri ili, kaj diras ke neniam tiajn dek orajŝildojn mi al li pruntedonis; kaj ke se mi ilin pruntedonis, li jam redonis al mi. Mi havas atestantojn nek de la pruntado nek de la redono, ĉar li ne ilin redonis; mi volus ke Via Moŝto al li prenu ĵuron; kaj se li ĵuros ke li al mi ilin redonis, mi al li ilin pardonas tie ĉi kaj antaŭ Dio.

—Kion Vi diras pri tio, bona maljunulo je la apogbastono?, diris Sancho.

Al kio diris la maljunulo: «Mi, Sinjoro, mi konfesas ke li al mi ilin pruntedonis (kaj mallevigu Via Moŝto tiun vergbastonon), kaj ĉar li lasas tion al mia ĵuro, mi ĵuros ke mi al li efektive kaj vere ilin redonis kaj pagis.

La Guberniestro mallevigis la vergon kaj dume, la apogbastona maljunulo donis la apogbastonon al la alia maljunulo, por ke tiu-ĉi ĝin tenu dum li ĵuros, kvazaŭ ĝi multe embazaras lin; kaj poste, li metis la manon sur la krucon de la vergo, dirante ke estas vere ke oni pruntedonis al li tiujn dek orajn ŝildojn, kiujn oni postulas de li, sed ke li estas redoninta el sia mano al la lia, kaj ke pro forgeso, li ilin repostulas ĉiumomente.

Vidinte tion, la granda Guberniestro demandis al la kreditoro kion li respondas pri tio, kion lia kontraŭlo diris; kaj li diris, ke sendube lia ŝuldanto diras veraĵon, ĉar li konsideras tiun-ĉi kiel honestan viron

---

(1) Nomo de tiama monero.

kaj bonan kristanon, kaj ke li mem forgesis sendube kiel kaj kiam li ilin redonis, kaj ke depost tiu momento neniam li postulos ion al li.

La ŝuldanto reprenis sian apogbastonon, kaj mallevigante la kapon, eliris al la juĝejo. Tio vidita de Sancho, kaj ke sen pluaj vortoj, li foriras, kaj vidante ankaŭ la paciencon de la petanto, li klinis sian kapon sur la brusto, kaj metante la montran fingron de sia dekstra mano sur la brovoj kaj sur la nazo, li pensadis dum mallonga tempo, kaj poste li levigis sian kapon kaj ordonis ke oni voku la apogbastonan maljunulon, kiu jam estis foririnta. Oni lin kondukis, kaj lin vidante Sancho diris al li: «Donu al mi, bona viro, tiun apogbastonon, kiun mi bezonas.

—Tre volonte, respondis la maljunulo. Jen estas, sinjoro»; kaj li ĝin metis en lian manon.

Sancho ĝin prenis, kaj ĝin donante al la alia maljunulo, diris: «Deiru kun Dio, ĉar Vi jam estas pagita.

—Mi, sinjoro, respondis la maljunulo; do. Ĉu tiu oksikoka stango valoras po dek oraj ŝildoj?

—Jes, diris la Guberniestro, kaj se tiel ne okazas, mi estas la plej granda mallertulo de la mondo; kaj nun oni vidos ĉu mi havas aŭ ne saĝon por regi tutan reĝlandon», kaj li ordonis ke tie, antaŭ ĉiuj oni rompu kaj malfermu la kanon. Oni faris tiel, kaj en ĝia koro oni trovis dek orajn ŝildojn.

Ĉiuj miradis kaj konsideris sian Guberniestron kiel nova Salomono. Ĉiuj demandis kiel li deduktis ke en tiu-ĉi oksikoka stango estis tiuj dek oraj ŝildoj; kaj li respondis ke ĉar li vidis, ke la ĵuronta maljunulo donis al sia kontraŭulo tiun apogbastonon, dum li ĵuris ke li ilin efektive kaj vere donis, kaj ke, la ĵurado finita, li repetis la apogbastonon, venis al sia imago ke en la internaĵo estas la pago, kiun la alia demandis; pro kio oni povas dedukti, ke la regantojn, kvamkam ili estus malsaĝaj, eble Dio kondukas dum iliaj juĝadoj; kaj plie, ke li aŭdis rakonti de la Pastro de sia vilaĝo similan okazintaĵon, kaj ke li havas tiel grandan memoron, ke se li ne forgesus ĉion, pri kio li volas rememori, ne estus pli granda memoro en la tuta insulo. Fine, la unua maljunulo hontigita kaj la alia pagita eliris, kaj le ĉeestantoj restis mirataj, kaj la skribanto de la vortoj, agoj kaj movoj de Sancho, ne decidis konsideri lin ĉu kiel malsaĝa, ĉu kiel saĝa.

MIGUEL DE CERVANTES

*Esperantigis*: A. N. D.

* * *

# BETIKO (1)

(*Fragmento el* Aventuroj de Telemako, *el Fenelon*).

Betiko estas lando pri kiu oni rakontas tiom da mirindaĵoj, ke apenaŭ oni povas kredi ilin. Bonvolu respondi al mi ĉu ĉio, kion oni pridiras, estas vero. Por mi estas tre facila afero—diris Adoam—, pri paroli al vi tiun faman landon, inda je via scivolemo, kaj kiu supermezuras ĉion, kion pri ĝi la famo publikigas. Tuje li daŭrigis tiele:

Rivero Betis fluas tra fruktodona lando kaj sub milda ĉielo, kiu ĉiam estas serena. La nomo de la lando devenas de tiu de l' rivero, kiu finas en la Oceano tre proksime de la kolonoj de Herkuleso, de tiu loko kie la furioza maro, rompinte siajn digojn, malkunigis la tero de Tarsis de la granda Afriko. Ŝajnas ke tiu lando estas konservinta la plezurojn de la Ora Epoko. La vintroj estas tie varmetaj; la rigoraj nordventoj neniam blovas; la ardeco de l' somero ĉiam estas malvarmetata per malfortaj ventetoj, kiuj malvarmigas la aeron je la tagmezo. Tiel la tuta jaro estas nur feliĉa edziĝo de l' printempo kun la aŭtuno, kvazaŭ ili sin manprenu. La kampo ĉe la valoj kaj la montetoj donas ĉiujare du rikoltojn. Sur la vojmarĝenoj estas laŭroj, granatujoj, jasmenoj kaj aliaj arboj ĉiam verdaj kaj florhavantaj. La montoj estas kovritaj per ŝafaroj, kiuj havigas delikatan lanon, akirota de ĉiuj konataj nacioj. Estas kelkaj minoj da oro kaj arĝento en tiu bela lando, sed ĝiaj loĝantoj, naivaj kaj feliĉaj kun sia naiveco, eĉ ne volas kalkuli oron kaj arĝenton kiel riĉaĵo; ili nur estimas tion, kio vere taŭgas por la bezonoj de la homo.

Kiam ni ekkomercis kun tiuj popoloj, ni vidis ke ili uzas oron kaj arĝenton por samaj uzoj ke la fero, ekzemple, por la plugiloj. Car ili ne komercas eksterlande ili neniel bezonas monerojn. Preskaŭ ĉiuj estas paŝtistoj kaj terkulturistoj. Oni vidas tie malmultajn metiistojn, tial ke ili volas lerni nenian arton, escepte tiujn kiuj taŭgas al la veraj necesoj de la homo.

La virinoj ŝpinas belan lanon kaj faras per ĝi delikatajn ŝtofojn mirinde blankajn; ili fabrikas la panon kaj preparas la manĝaĵon; tiu laboro estas facila por ili, ĉar en tiu lando oni sin nutras per fruktoj aŭ lakto, kaj tre malofte per viando. Ili uzas la ledon de siaj ŝafoj por fari malpezajn piedvestojn por ili, siaj edzoj kaj filoj; ili faras tendojn ĉu el vaksoledo, ĉu el arbokrusto; ili faras kaj lavas la vestojn

---

(1) Antikva nomo de Andaluzio, devenigata de la rivero *Betis* aŭ Guadalkiviro.

de la tuta familio, kaj havas la domon kun mirinda ordo kaj pureco. Iliaj vestoj estas facile fareblaj, tial ke en tiu milda klimato oni uzas nur pecon el delikata malpeza ŝtofo, kiu ne premas la talion kaj kiun ĉiu surmetas ĉirkaŭ sia korpo longafaldaĵe, donante al ĝi laŭvolan formon.

La viroj ne konas alian metion—krom terkulturo kaj la zorgo de l' ŝafaroj—ol la arto provizi per fero kaj ligno la konstruaĵojn, eĉ preskaŭ ne uzas la feron, escepte por la kulturiloj. Ĉiuj artoj rilatantaj la Arĥitekturon estas neutilaj por ili, ĉar ili neniam konstruas domojn. Il diras: «se ni farus loĝejon daŭrontan multe pli ol ni, ni estos ligataj troe al la tero; sufiĉas nin defendi kontraŭ la senmildaĵoj de l' vetero.» La ceterajn artojn, estimataj ĉe la grekoj, la egiptoj kaj ĉiuj aliaj civilizitaj popoloj, ili abomenas kiel elpensaĵoj de la vanteco kaj moleco.

Kiam oni parolas al ili pri popoloj, kiuj scias fari belegajn konstruaĵojn, meblojn el oro kaj arĝento, ŝtofojn ornamitaj per brodaĵoj kaj multekostaj ŝtonoj, ravajn parfumojn, bongustajn manĝaĵojn, muzikilojn kies harmonio ĉarmas, k. t. p., ili respondas jene: «Kiel malfeliĉaj estas tiuj popoloj, pro tio ke ili uzis tiom da laboro kaj industrio por malvirtigi sin mem! Superflua aĵo moligas, malfortigas, turmentas tiujn, kiuj ĝi posedas, kaj al tiuj, kiuj ne havas tion, tentas deziri ĝian akiron per la maljusteco kaj la perforto. Ĉu oni povas nomi bonon tio superflua kio nur taŭgas por malbonigi la homojn? Ĉu tiulandaj homoj estas pli sanaj aŭ pli fortikaj ol ni? Ĉu ili vivas pli longe? Ĉu ili estas pli interamikiĝintaj? Ĉu ili vivas pli libere, trankvile kaj gaje?

Kontraŭe, ili devas esti ĵaluzaj unuj de aliaj, mordetaj de nigra malkuraĝa envio, ĉiam agitataj de l' ambicio, de l' timo, de l' avareco, nekapablaj por la puraj simplaj plezuroj, ĉar ili estas sklavoj de tiomaj falsaj necesaĵoj de kiuj ili dependigas sian feliĉon.»

Adoam daŭrigis: Tiel parolas tiuj saĝaj homoj, kiuj lernis la saĝecon nur per studo de la simpla naturo...; ili vivas kune, ne disdoninte la kultureblajn terojn: ĉia familio havas estron, kiu estas ĝia vera reĝo. La patro rajtas puni la filon aŭ nepon, kiu agis malbone, sed antaŭ ol puni lin, li konsiliĝas kun la ceteraj parencoj. La punoj okazas preskaŭ neniam, ĉar la naiveco de la kutimoj, la bonfido, la obeemo, kaj la malamo al la malvirto loĝas en tiu feliĉa lando.

(*Daŭrigota*).

# DE TRA FERA KRADO

(Sonetoj)

Jen mallibera mi en mia ĉelo;
sed en ĝi estas al mi ne la honto.
Mallibereco estas kvazaŭ ponto
ja kuniganta firme laŭ nivelo
la suferantajn klasojn sub ĉielo.
Kvankam, de tra la krado, horizonto
estas mallarĝa; tamen alta monto
bela vidiĝas: same mia celo!
Apud la krad', ĉe l' citadela korto,
unuavice, bruta jen kanono
preta paroli raŭke pri perforto
kontraŭ kiu ajn prava la rezono;
plie, soldatoj, iloj por la morto
pretaj..... Terura povo de l' malbono!
Spite de tio, ne aŭdigu veojn;
male, potencavoĉe ni esprimu
kore malŝati la diablokreojn,
kiujn neniam ni plu iel timu;
ni triumfigu pacajn la ideojn:
vere la homoj, fratoj, sin estimu!

---

Firma la roka grandioza bloko
bone al mia koro ja simbolas,
kaj en la cerbo mia arde bolas
penso homama de la «*Forta Voko*»,
same tre firma, kiel monta roko,
sento potence en la koro rolas;
kvankam en ĉelo tute mi nun solas,
ne min doloras de l' izol' sufoko.
Roka la mont' majeste alten staras
super de ĉio, super de l' tegmento.....
Super de l' monto, la ĉielo klaras
je l' ektagiĝo; malvarmeta vento
lekas la frunton mian; post ĝi aras
pensoj, ideoj, pri la «*Nova Sento*»;
pensoj, ideoj, kiujn ne detenis
saĝe potenca mano de l' Destino;
pensoj, ideoj, kiuj en nin venis,

spite de ĉio, de l' Natura Sino,
kiujn tutklare homoj jam komprenis
de la Socio nuna esti fino.

JULIO MANGADA ROSENORN

* * *

## VINTRO KAJ SOMERO

(RITMO VIV IV VI (V)

Fremlande estis ja mi
kaj estis vintra vetero:
mi tiam estis kun Vi
Ho kia bela somero!
Veter' nebula, malgaja,
la ter' sen frukto nek flor';
sed kia bela kaj gaja
vetero estis en kor'!

---

Rapide pasis la jaroj:
nun estas gaja somer',
nun ridas verdaj kamparoj;
sed Vi ne estas sur Ter'!
Ĉu regu vintr' ĉu somero
nek sidas ĝoj' nek dolor'
en floroj aŭ sur la Tero:
nur ili estas en kor'!

*Originale verkis*: A. N. D.

---

## ENLANDA KRONIKO

*Madrid*.—Jus finiĝis la somera kurso de la Ateneo kun pli ol kvindek gelernantoj, kaj baldaŭ oni komencos en ĉi grava kaj fama kulturejo du kursojn: ĝeneralan, por personoj fremdaj je la societo; alian, specialan, por la membroj de l' Ateneo, por kio S-ro Mangada faros paroladon kaj vidigos disvastigon kaj gravecon de esperanto per abunda ekspozicio el gazetoj, afiŝoj, anoncoj, k. t. p. Ĉi lasta kurso estos grava pro la personoj kiuj montris sin pretaj ĝin ĉeesti.

*Jaén*.—D-ro Eduardo Arroyo kaj S-ro Juan Anguita daŭrigas entuziasme sian gravan esp-laboron, kaj ĵus fininte kursojn denove sin preparas por malfermi novajn.

*Santander*.—Post la somero, kvankam la propaganda laboro ĉiam oni daŭrigis, la Popola Ateneo, kun sama vigleco kaj entuziasmo,

planas la intensan laboron de la tuj venonta akademia-kurso, ĉar la ĉi tieaj samideanoj sin pretigas esti multenombraj kaj kapablaj por organizi venontan hispanan Kongreson.

*Logroño.*—Rimarkinda estas la laboro farata de D-ro Julián Loyola: per grava ĉi tiea ĵurnalo li propagandadas rimarkinde ĉar liaj artikoloj estas pleninteresaj kaj konvinkantaj samtempe li havas tempon por instrui la lingvon, kaj tiel certe iom post iom mian aferon li progresigos.

*Zaragoza.*—Zaragoza Esperantisto viglege plomas kiel eble plej intensan kaj seriozan esp-laboron por la proksima kurso; ĝi celas eĉ eldoni grandformatan bultenon. La grupo plena de zamenhofa idealo progresas rimarkinde kaj estas forta kaj vigla aro el nia Asocio en ĉi urbo.

*Jaca.*—S-ro Felipe Latas, eksoficiro de nia armeo kaj instruisto, sufiĉe bone kapabligita samideano, decidis entrepreni la propagandon de esperanto kaj ĉi tiun instrui, kaj ni esperas, ke li sukcesos, ĉar li estas tre entuziasma.

En *Gijón* kaj cetero de *Asturias* la afero ne dekadencas, sed male, kaj same, en senco ĝenerala, oni povas certigi pri aliaj lokoj, speciale en *Ferrol*, kie S-ro Salvador Oliván plenentuziasme agadas, atinginte formi du novajn Grupojn, ĉar ankaŭ li vizitadas la regionon farante propagandon kaj semante ĉiam kaj ĉie. Antaŭen!

## ISIDORO FLORIA

Isidoro Floria estis inteligenta, sperta, entuziasma, vigla, esperantisto de Zaragoza, sekretario de la Grupo «Frateco» promesanta fruktodonan laboron al nia afero. Bedaŭrinde li estis, ĉar lin forrabis al nia movado kuglo pafita de civilgvardiisto dum la malfeliĉaj okazintaĵoj ĵusaj. Trankvile li aliris al sia laborejo kiam la morto trafis lin, des pli do bedaŭrinda lia morto!; kiam li honore iris gajni la ĉiutagan panon per ŝvito de sia frunto, perfida, malbeninda kuglo krima forigas de li la vivon, kaj starigas al senkonsola vidvino kaj al liaj du filetoj teruran situacion. Mi supozas, ke la Grupo «Frateco» ion faros por helpi la familion de nia kara mortinto; mi ja scias, ke la alia Grupo «Zaragoza Esperantisto» jam decidis malfermi monkolekton al la helpo krom kunlaborado por ripari laŭ eblo la malfeliĉaĵon, sed mi min turnas al ĉiuj Grupoj kaj membroj de H. E. A. por partopreni ĉion eblan kaj necesan alporti al la kompatinda familio de nia mortinta samideano Floria la riparon, kaj je la nomo de H. E. A. mi esprimas al la estiminda familio kaj al la Grupo «Frateco» la plej koran kondolencon.

Estas mia opinio partopreni laŭ eblo ĉies la monkolekton, ĉar je tiuj okazoj ne sufiĉas vortoj; ĉiu, laŭ propra ekonomia eblo, donu al la monkolekto sendante la monon al la sekretario de H. E. A.

J. M. R.

## FARU LA BONON

«Vi, justa kaj kuraĝa, defendos ĉiel la subprematon, vi protektos la virton ne atentante iel ion alian, malpli vian profiton.»

La defendo estas havaĵo de homoj sentantaj la doloron kaŭzatan de la tiraneco al koroj de la malfeliĉuloj ĝenerale sindonemaj; la defendo estas sindonema ago efektivigata de la homo kontraŭ la timo.

Kie estas perforto estas tiraneco, senprava forto staranta sur la maljusteco.

La libereco estas la plej potenca al la fortoj protektantaj la virton, kaj la morala potenco altiganta la homon al supera perfekteco. Ĉiu homo, per sia agado mem, devas elpruvi la sindonemon, simpation, amon siajn al similuloj.

Feliĉo ne estas ebla sen libereco; kaj tial ke la ĉefa aspiro de la homaro estas atingi la feliĉecon, ĉi tiun la homo ne atingos antaŭ ol la homo ne lernos sin koni, sin respekti kaj sin defendi. Per ĉi lasta vojo la homo aliros al mondo tiel libera, frata kaj justa, konsciinte ke li estas la unika konstruanto de tiu mondo per konstanta memofero.

## ESPERANTO EN LERNEJO

(*Estonta realaĵo*)

Vilaĝo Z staras meze pitoreska pejzaĝo. Ĉirkaŭas ĝin, kiel luksa zono al belulino, ebeno sufiĉe fruktodona, iom da arbaro, legomejoj kaj pentrindaj vojetoj festonitaj de rubusujoj, kratagoj kaj aliaj dornaĵoj. Plue, smeraldkoloraj herbejoj limigataj de la rivero «Arandón», kies travideblaj fluoj fruktigas la grundojn de la Z-anoj. Kial tia afekta nomo al mallarĝa rivero? Iuj opinias, ke «Arandón» devenas de la hispana vorto «arándano», kiu signifas *vakcinio*. Kio-ajn ĝi estas, tiu opinio ŝajnas kredinda tial, ke sur iaj lokoj de la arbaroj vidiĝas etaj arbetoj de tia speco montrantaj siajn duberuĝajn florojn kaj acidajn berojn.

Se vi turnus vian rigardon orienten, vidus modestan sed bonstilan konstruaĵon: la vilaĝan lernejon. Al ĝi aliras ne multe pli, ol dudek infanoj. Iliaj vivoplenaj okuloj divenigas inteligenton kaj naivecon.

Kontraŭ la lernejo etendiĝas pluŝa herbejeto ĉirkaŭita de poploj; tiun taŭgan ejon utiligas la klera lernejestro, por klarigi al la infanoj *lecionojn pri aĵoj*. Sen ia dubo li apartenas al opiniantoj, ke instruado en plena enaero efikas pli multe ol sub plafono. Krom tio, la procedo estas almenaŭ vere saniga.

La tago, kiam mi vizitis la lernejon, la instruisto praktikadis lecionon pri Esperanto. Li alvenigis al si ĉarman knabeton dekdujaran, kaj ambaŭ dialogis laŭjene:

—Atentu, kara Ludĉjo; diru «cangrejo» en Esperanto.

—*Kankro*.

—Ĝuste! Sed la vorto hispana «cangrejo» entenas du specojn: tiun de maro, kaj tiun de rivero. Kia speco estas ordinare nomata kankro?

—Tiu de rivero. Kiom da ili mi kaptis el «Arandón», per reto provizita je allogaĵo! Vi ne povas imagi!

—Ankoraŭ alian demandon: ĉu vi citus rondforman kankron de maro vendata en fiŝvendejoj, kafejoj, bierejoj, k. c.?

—Vi aludas la bongustan *krabon*.

—Tre trafe, karulo. Trakure, diru esperantan verton tre similan je krabo.

—*Krabron*, kiu estas insekto nomata hispane «abejón», kies pikvundo doloriĝas iomete.

—Bonege! Sed ni turnu nin al nia temo: kiamaniere vi fariĝos por nomi per Esperanto grandan specon, kiun ni, hispanoj, nomas «centolla», tre simila je la krabo.

—Per helpo de sufikso *eg*: *krabego*.

—Tamen, kian nomon vi rezervus por krabo je neordinara grandeco?

—Sufiĉe diri *grandan* aŭ tre *grandan krabon*.

—Ĉu estas aliaj specoj de krustuloj de maro manĝeblaj?

—Jes, sinjoro, la *palinuro* aŭ *langusto*, la *omaro*, la *langusteto*, k. c. Plie, multo da aliaj krustuloj komune nomataj *markantretoj*. El ili estas la *salikoko*, kiun ni nomas «camarón». Oni vendas ĝin peklite, kaj ne ruĝiĝas per bolado.

—Vi jam scias, kara Ludĉjo, ke hispane la vorto «langosta» difinas tiel same la krustulon de maro, kiel la insekton.

—Certe, sinjoro; sed en Esperanto tia impliko estas neebla, ĉar la mara krustulo nomiĝas *palinuro*, kaj la kampara, tio estas, la ruiniga insekto, estas nomata *akrido*.

—Ludĉjo, mi vin gratulas kore. De nun via nomo ĉefos la honorigan tabelon de nia lernejo.

CONRADO UDEA

# AMUZAJOJ

## ROMBO



Anstataŭu la steletojn per silaboj, kaj oni povos legi horizontale kaj vertikale:

1ª linio.—Vokalo.
2ª linio.—Ordona modo de verbo, kiu signifas *plibeligi*.
3ª linio.—Scienco pri la makroskopa strukturo de organismo.
4ª linio.—Kadavro konservita per enbalzamigo.
5ª linio.—Vokalo.

(*La solvo en la proksima numero*).

* * *

SOLVO al la enigmoj de la antaŭa numero:

kRADO — KARDO — KADRO

* * *

TRA, TRE, TRI, TRO, TRU'.

* * *

SOLVO al la esperanta sumo de la antaŭa n-ro:

| | |
|---|---|
| *o K* | 8 |
| *k V i n* | 5 |
| *n A ŭ* | 9 |
| *k v a R* | 4 |
| *D u* | 2 |
| *s E p* | 7 |
| *K v i n* | 5 |
| | 40 |

LA RONDA SINJORO